

# PENSEO

N-ro 234

apr. / 2011

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 22-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Josip Pleadin (Kroatujo)



### EKZISTAS IE KAŜITA LOKO

Ie en fundo de mia koro, ekzistas eta kaŝita loko
por renkontoj, revoj kaj fantazio tute realkolora,
por arto, sopiro, mistiko kaj interkultura ŝoko,
en kiu vi belas kiel greka statuo el ŝtono marmora.

Via togo el blanka silko, viaj laktecaj mamoj sub ĝi,
viaj gamboj longaj, kaj la statur' cervine eleganta,
viaj ŝultroj molaj kaj via elasta malvasta tali',
al mia kaŝloko venas per paŝo malpeza kaj lanta.

Mi tie avide trinkas el via puto, el lipoj kaj kortrezor'
kvazaŭ veninta el am-Saharo, sen-ina kaj seka dezert'.
Dum sage mian koron celas la di' de amo, la dio Amor',
vi vartas min per inspir' edifa kaj dolĉe rava spert'.

(Belartaj Konkursoj 2010—tria premio por poezio)



## ANTAŬ VIA FORIRO

En ĉambro malluma susuras via satena noktoĉemizo.
Blanka luna lumo promenas de fenestro al pordo...
De la balkona flanko almigras freŝa helnokta brizo.
Ŝipoj sirene anoncas foriron al malproksima nordo.

El suda haveno kvazaŭ ĉirpado de molpluma paruo
Ankaŭ vi foriros kun la sirenaj sonoj al iu norda lando.
En la eta ĉambro restos por feliĉo faldita papera gruo
Kaj la soleca sidangulo por kafumado sur nia verando.

Sed antaŭ ol vi foriros el miaj lando kaj sonĝoj ĉiamaj
Ĉe mia basko vi trovos lokon por apogo kaj konsolo
Kaj kreskos via amo en ritmoj de valso kaj amoroj flamaj
Per francaj kisoj kaj Kamasutraj pozoj en ĉambra izolo.

(Belartaj Konkursoj 2010—dua premio por poezio)



## Paŭlo Sena (Brazilo)



### FRENEZA MONDO

Dikega libro kiu celas nenion.
Konkretaĵ’ nevidebla flugas alte.
La bildo senenhava vidigas ĉion.
Blov’ bruanta fariĝas tute klare.

Mortinto priparolas pri la vivo.
Tondradon oni aŭdas sub la tero.
Vivanto diras diron sen signifo.
Kaj montoj ŝanceliĝas en l’ aero.

Okazas senekzemplaj antaŭvidoj!
Arbarema susur’ kune kun ridoj.
Blankaj muzikoj pentras malklarecon.

Mezvoĉa melodio laŭdas l’ edenon.
Monda estrar’ ne havas l’ intereson
Necesan al l’ ebla prestiĝa pacemo.



### ĈIELA MALAPERO

Aŭskultu la brueton kiu ekas
Sub via propra lumo!
Ĉar l’ universo via nun falegas
Kune kun la lasta suno!

Rimarku la forpason de la steloj,
Se povas la sentumo.
Malsuprenfluu larmoj en l’ aeroj,
Ĉar mortas la plenluno!



## Cezar (Germanujo)



### La cirkartistoj de l' cirko Tŝindrara

Je la unua de majo je la dudeka horo,
apud la vagonaro ĉe la malnova stacidomo
malfermiĝos je plia fojo la eniroj
de l' Cirko Tŝindrara-tendo.
Komenciĝos kurioza
cirkospektaklo tiel ankoraŭ
neniam vidita en la tuta mondo.
En la arenon paŝos
Sinjorino Vernon Lenor,
Elinjo Muelista,
Igor Mondovasta,
Blua Rivero-Ensemblo plus
Realalergiaj Reagoj je Dua Fojo.

Krome la bolŝoja solodancistino Diamanta,
Botelorgeno Ŝrik,
aŭguristino Madame de Liberec,
Fabeloj el Sako,
Ek plus Tuj plus
la tri fratoj Nigra Blanka.

Plue "Transtraten Kapitan' Blusvir"
kun sia dancamikaro "Blinda Konfido",
la nekutima grimacpentristo Maskoŝranko,
la Figura Teatro Konkordo,
Dancurso Esperanto,
la muzikema ĉevalo Hujn
kaj klaŭno Ŝrapneli.
Bonvolu enveni,
kun kaj sen infanoj, kun kaj sen geavoj
kaj kun kaj sen bopatrino!



## Wilma Stockenström (1933~)

# Ecce homo

Kio tamen animis lin al volo
rekte stari? Fajrece! Certe ne nur
soifo al scio, atingo al pomo
supre en granda, suspiranta arbego?
Kvarpiede li ankaŭ povus, sur ardezo,
lerni legi kaj skribi, pli poste
ellabori, fingr’-en-sable,
la relativecoteorion, kaj viŝi ĝin
(ĉar por kio?) kun malpli da dorsodoloro.
Kvarpiede oni povas praktiki religion,
okulumi en mikroskopon, ludi pianon,
modli skulptaĵon, ruliĝi surdorsen por pentri
plafonojn, denove ruliĝi kaj de skafaldo suben
grimpi, sulkante, cerbumante, malsatante.
Kvarpiede manĝado kaj trinkado estas ludoj,
sekskuniĝo memkompreneble, ĉio funkcias.
Nur aktorado, ŝajnas al mi, estus pridubige
komplika, efektive malebla kaj vere
ridiga. Vere. Rampanta
Faŭsto. Klitemnestro kun pendolantaj
mamoj. Ne! Dramo volas atingi alten!
Jen li nun staranta kun siaj molaj partoj elmetataj,
la homo, la stultulo, la granda aktoro.

*El la afrikansa tradukita de*

**Hannes van Loggerenberg (Nederlando)**





## Chico Buarque de Hollanda kaj Francis Hime

# Vi mirinda

（kant-traduko）

Vi mirinda
insul' el lum',
je via kolor' mulata
mi soifas, malsata
je via verd', marzum'.

Vi mirinda,
de vi dolĉas la bagaso,
brakum’ ŝirmas kun raso,
dorlotas viaj kaloj,
por mi viaj regaloj
venu trempitaj per ŝvit'.

Aminda
insula lit',
al mi ĵuru ke feliĉo
trans iu ajn kondiĉo,
trans iu ajn kimero,
estos pli ol nur memoro,
kaj restos en la koro
vigla, ne plu espero.

Frandu mi el via maso,
por vi, via melaso,
estu mi uj' kaj tero.

**La kanto estas omaĝo de la aŭtoroj al insulo Kubo. Fakte, pro sia politika engaĝiĝo, dum brazila diktaturo Chico Buarque eĉ devis ekziliĝi for de sia lando.*

*Tradukis*



**Ŭel (Brazilo)**

## Nazaré Laroca (Brazilo)



### Momento

Milda vualo de lumo
Ektuŝas mian vagon
Kiel fluganta kiso.

El la sino de la vento,
Bruas kanzono
De birdoj
Faritaj el feliĉo.

En ĉi tiu unika momento
Ŝajnas, ke Dio
Ĵus ekripozis por amuziĝi.



### Obstino

Mi insiste
Ŝaltas stelojn
Sur vian vojon.

Sed malgraŭ tio
Vi ĝojas faleti
En la mallumo.



### Informo

La 10-an oktobro 2008,
Televidile mi spektis (kaj ploris)
Delikatan knabinon
Kiu malsatas (oh, terure!)
En kruda enlando de Brazil'.

Naive ridetas l' infan'
La pordon malfermante
De sia mizero al mond'
Kiu zorgas pri falantaj
Borsoj internaciaj.

Kaj la rakita ulin'
Simplece kaj rekte informas**:**
— Tiam, kiam ne estas manĝaĵ'
Mi manĝas koton kaj trinkas
akvon...
Tamen, venas dolor'...

— Kien? Ventren? (demandas la
reportist'.)
— Ho, ne! Ĉi doloras la kor'
Pro tiom da malĝoj' ...

**Rimarko: La 11-an oktobro estas antaŭtago je "La tagoj de l'infanoj" en Brazilo.*

## Mikaelo Bronsxtejn (Rusio)



### Gratulo por ĉiuj virinoj

Spiradon de l' proksima fest'
eksentis mi ĉe la tagmez',
en efemere troa pez'
de sakoj kun proviz',
en kompatinda florbutik',
ŝtopita de l' virar' – publik',
kun speciala romantik'
sakranta en la vic'.

Glimadon de l’ proksima fest’
ekvidis mi en la majest’
de ĉiu ino en ĉeest’
de l’ vira okulpar’,
en la gracio de l’ paŝad’
virina - eĉ laŭ glita pad’,
en la gvatataj kun troŝat’
pugmovoj lantaj, ĉar

ja kirlis min la sama mart’
en la torento de bonfart’ –
pri la bonfart-imita art’
la viv’ spertigas nin…
Do mi kun amo en la kor’,
likvor’ kaj malmodesta flor’,
kun la plej festa bonhumor’
gratulas kore vin!



## GILBERT BECAUD

# NATALI'

Tra senviva Ruĝa Placo
Marŝis antaŭ mi Natali'
Havis belan nom' ĉiĉeronino
Natali'

Blanka estis Ruĝa Placo
Kovrita de neĝa tapiŝ'
Kaj mi sekvis dum frosta dimanĉo
Natali'

Aŭskultanta la klarigojn
Pri Oktobra Revoluci'
Nin imagis mi
En la Lenin maŭzoleo
Post en la Puŝkin kafejo
Antaŭ ŝokolad'.

Sur senhoma Ruĝa Placo
La man' prenis mi, ridetis ŝi,
Blondulino kaj ĉiĉeronino
Natali' … Natali'...

En ŝia ĉambr' ĉe universitat'
Grandegan studentar'
Sen pacienc' atendis ŝin
Ridis ni, tranokt' babilis ni
Ĉiu kun ega scivol'
Tradukis Natali'

Moskvo, kaj Ukraini'
Kaj les Champs Elysées
Ĉion konfuzis ni
Poste kantis ni.

Tiam trinkis ĉiuj ni
Kaj multe ridis ni
Kun ĉampan' el Franci'
Ĝoje dancis ni …

Senhomiĝis ŝia ĉambr'
Kiam geamikoj estis for
Restis nur mi kun ĉiĉeronino
Natali'

Nek plu temis pri klarigoj
Nek plu Oktobra Revoluci'
Ambaŭ ni estis for
For la Lenin maŭzoleo
For la Puŝkin ŝokolado
Jam ĉio estis for

Ŝajnas mia viv' senviva
Tamen iun tagon en Pariz'
Estos mi feliĉa ĉiĉerono
De Natali'... Natali'...

*Tradukis*



**Mikelo59 (Francujo)**

# Dek poemoj de Hanshan




21.
Junulo bela surĉevale
Klakadas vipon al saliko.
Li morton neniam imagas
Nenion faras kun efiko.
Floraro pompas nur portempe,
Velkiĝo venos sen indiko.
Mielon kaj kremaĵon li ne
Ĝismorte ĝuos el kaliko.

22.
Taŭismon praktikante homo
Rifuzas venon de laiko.
Ĉe lia domo regas frisko
Aŭtuna malgraŭ sunardigo.
En valo fluas glugle rojo,
Tra pinoj siblas ventmuziko.
Sidiĝ' dumtaga tie tiras
Vin de centjara ĉagren-piko.

23.
En Handan kiel kantistino
Mi kantas bele per ari'.
Mi alkroĉiĝas al ĉi loko
Longe pro l' kant' de tradici'.
Ne konas riton ebriulo,
Taglumon distras mi sen sci'.
Sur mia lito de haremo
Plenas brodaĵoj kun radi'.

24.
Uzantoj de velŝip' trimasta
Rajdantoj de rapid-ĉevalo
Loĝejon mian ne vizitos
Kvietan en senhoma valo
Kaŝantan sin en alta monto
En la dumtaga pluv-vualo.
Ne hom' krom Konfuze' revivus
povus savi l' mondon el falo.

25.
Saĝul' ne proksimiĝas al mi,
Stultulojn mi ignoras same.
Kun la nestultaj kaj nesaĝaj
Mi ja ne plu rilatis jame.
Mi nokte kantas al la luno,
Matene dancas nub-kompane.
Ĉu nure tiel mi kondutas
Ĝis miaj haroj blankos vane?

26.
De bambu-ŝosoj vivas alte
Surarbe bird' kun bunt-kolor'.
Lantemaj movoj ĝiaj decas,
Kaj mildaj kriĉoj plaĉas al kor'.
Hieraŭ venis ĝi, mi scias
Ne, kiel flugis ĝi de for'.
Aŭskultante al ĝia kanto,
Mi dancas ĝis matena hor'.

27.
Mi loĝas jen en pajlkabano,
Malmultas vizitantoj tie.
Arbaren birdoj emas svarmi,
Rojen fiŝoj naĝi socie.
Mi plukas fruktojn kun la filo,
Geedzoj plugas kampojn plie.
Mi havas nenion endome
Krom libroj en la lito ĉie.

28.
Por suprengrimpi Frostan Monton
Vi povas trovi vojojn cent.
Videblas strangaj ŝtonoj en roj-lito
Surmonte herboj jen kun tent'.
Glitigas padoj musk-kovritaj,
Pinarboj skuas eĉ sen vent'.
ekstermondanojn mi invitas

En nuboj sidi kun kontent'.

29.
Obsedas min malsanoj multe,
Paroloj miaj vanas ĉie.
En veproj restas talentuloj
Nepova mi nur dome fie.
La klifo sub sunlum' malhelas,
Svagas senbruma val' varie.
Ne havas decajn vestojn korpe
Idoj de loĝantoj ĉi tie.

30.
Super altmontoj nuboj flosas,
Ondetas verda lago brile.
Fiŝistoj tie ĵetas reton
Kantante laŭte ja jubile.
Ilia ĉant' elvokis triston
En mia koro maltrankvile.
Kiel senkornaj birdoj flugas
Tra l' muron mian tre facile?

*elĉinigis*



## Vejdo (Ĉinio)

# Ĉineske

## Tri Pecoj de Chounu'er*

## (Malbela Sklavo)

## Guozhu (Ĉinio)



### Burokrato foriris

Novaĵo el Pekino.
Oni diras,
maladmiras:
Preterpasant' foriras.

Kant' de Song-dinastio
antaŭ-diras,
saĝe diras:
Malbeninda foriras!



## Cindy Mckee (Usono)



### Malbela maldemokrato

Sklavo ĉiam malbelas
pro la stato.
Kaj soldato—
samtipa ekspluato.

Kion fari aŭ diri?
Sen debato
aŭ traktato
ĉenas nin burokrato.



## Cezar (Germanujo)

### Fuĝemulo foriras

(vera travivaĵo)
Novaĵ' en mia urbo.
Mi senspiras,
ĝoje diras:
El fi-land' mi foriras.

Sed sekretpolicisto
antaŭdiras:
Li deliras,
pri revland' nur sopiras!

** Chounu'er (Malbela Sklavo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvar versoj de 74,4,7 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,a,a. (x=senrima)*



## Viktoro (Ĉinio)

# Sur vilaĝa vojeto

—laŭ ĉineska skemo Sopir-al-sudo*

multfoje
sur la vojeto
vilaĝa mi paŝadis
tra pina arbareto
jen en kvieto

mi jame
pasigis tie
mian puran knabecon
petoleme senscie
sed fantazie

ĝis nune
en mia memor'
nure restas paseo
kun senlaca bonhumor'
kaj plezura hor'

*Sopir-al-sudo: ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x=senrima).



## Zhuang Qixiong (Ĉinio)

# Ĉina Ideogramo

—laŭ ĉinesko Niannujiao*

En montaro
penikas
de sur ĉina paper'
Pro nova tem'
nur tuĉo
fluas kiel river'
La kvadrata
ideogram'
kun bilda prefer'
Per belskribad'
por ĉina artfier'

Delikata vorto
inke furoras
sur vasta ter'
Pluvovento
ploretas
pri pasinta mizer'
Ĝi retnaĝas
kontraŭ fantomo
pro vivesper'
Per peniko al mistera prosper'

**Niannujiao (ĉarma kantistino): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 11 versoj de 436, 436,445,46 / 654,436,454,46 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa, xxa,xxa,xa (x = senrima)*

# Maupassant (1850-1893)



## MUARO

Dum oni ankoraŭ parolis pri Pranzini*, S-ro Maluro, kiu estis ĝenerala prokuroro sub la Imperio, diris al ni :

– Ho ! Antaŭe, mi konis tre strangan aferon, strangan per pluraj apartaj punktoj, kiel vi tuj konstatos tion.

Tiam mi estis imperiestra prokuroro en provinco, kaj tre enfavore, dank'al mia patro, la unua prezidanto en Parizo. Nu, mi devis laŭleĝe postuli en kaŭzo, kiu restis famkonata sub la nomo de Afero de la instruisto Muaro.

S-ro Muaro, kiu estis instruisto en la norda de Francio, ĝuis en la tuta lando bonegan renomon. Inteligenta, pripensema, tre religia viro, iom silentema, li edziĝis en la komununo de Boalino, kie li profesiis. Li havis tri infanojn, kiuj sinsekve mortis pro la pulmoj. De tiu momento, li ŝajnis reporti sur la bubaron, kiu oni konfidis al liaj zorgoj, la tutan tenerecon kaŝitan en lia koro. Li propramone aĉetis ludiletojn por siaj plej bonaj lernantoj, por la plej saĝaj kaj la plej obeemaj ; li manĝetigis ilin, supersatigis ilin per frandaĵoj, sukeraĵoj kaj kukoj. Ĉiuj amis kaj laŭdis tiun bravulon, tiun bravan koron, kiam sinsekve kvin el liaj lernantoj mortis de bizara maniero. Oni kredis pri epidemio devenanta de la difektita akvo pro la sekeco ; oni serĉis la kaŭzojn sen malkovri ilin, des pli ke la simptomoj ŝajnis el la plej strangaj. La infanoj aperis kiel trafitaj de langvora malsano, ili ne plu manĝis, suferis ventrodolorojn, trenis dum kelka tempo tiun mizeran vivon, kaj poste mortis meze de abomenaj suferadoj.

Oni nekropsiis la lastan mortinton, sed oni trovis nenion. La intestaro sendita al Parizo estis analizitaj, kaj ne rivelis la ĉeeston de iu ajn toksa substanco.

Dum unu jaro, nenio okazis, poste du knabetoj, la pli bonaj lernantoj de la klaso, la preferitaj de la ulĉjo Muaro, mortis en la daŭro de kvar tagoj. Denove oni preskriptis la nekropsiojn de la korpoj, kaj oni malkovris, tiel en unu kiel en alia korpo, fragmentojn de pistita vitro inkrustitaj en la organoj. Oni konkludis, ke ambaŭ buboj devis nesingarde manĝi kelkan manĝaĵon malbone purigitan. Sufiĉis de rompita glaso super bovlo da lakto, por ke tiu forloga akcidento okazis, kaj la afero certe haltus tiagrade, se tiam la servistino de Muaro malsaniĝis. La alvokita kuracisto konstatis la samajn morbidajn simptomojn, kiujn oni antaŭe observis ĉe la malsanaj infanoj, li pridemandis ŝin, kaj tiu ĉi konfesis, ke ŝi ŝtelis kaj manĝis bombonojn aĉetitajn de la instruisto por liaj lernantoj.

Laû la ordeno de la prokuroraro, oni priserĉis la lernejan domon, kaj oni malkovris plenan ŝrankon per ludiloj kaj frandaĵoj destinitaj al la infanoj. Nu, preskaŭ ĉiuj tiuj nutraĵoj, entenis vitrajn fragmentojn aŭ pecojn de rompitaj kudriloj.

Muaro, kiu senprokraste estis arestita, aspektis tiom indigna kaj konsternata pro la suspektoj, kiuj pezis sur li, ke oni preskaŭ liberigis lin. Tamen la indikaĵoj pri lia kulpeco estis konviktaj montroj, kaj venis batali en mia spirito mian unuan konvinkon, kiu baziĝis sur lia ega renomo, lia tuta vivado, kaj sur la neverŝajneco, la absoluta neesto de decidigaj motivoj pri tia krimo.

Kial tiu bona, simpla, religia viro mortigus infanojn, kaj des pli la infanojn, kiuj li ŝajnis pleje ami, kiujn li dorlotis, kiujn li plenŝtopis per frandaĵoj, por kiuj li elspezis la duonon el sia salajro, por aĉeti ludiletojn kaj bombonojn ?

Por akcepti tiun akton, endis konkludi al la frenezeco ! Nu, Muaro ŝajnis tiel saĝa, tiel trankvila, tiel plena da menssaneco kaj prudento, ke la frenezeco koncerne lin aperis kiel nepruvebla.

Tamen la pruvoj amasiĝis ! Bombonoj, kukoj, alteogumpastoj kaj aliaj aĵoj konfiskitaj ĉe la produktistoj, apude de kiuj la instruisto proviziĝis, riveliĝis enhavi neniun suspektindan fragmenton.

Tiam li asertis, ke nekonata malamiko devus malfermi sian ŝrankon per ŝtelŝlosilo por enmeti la vitron kaj la kudrilojn en la frandaĵojn. Kaj li imagis kompletan historion pri heredaĵo, kiu dependus de la morto de infano, morto decidita kaj provokita de ajna kamparano, kaj plenumita, trafigante tiamaniere la suspektojn sur la instruisto. Tiu brutalo, li diris, ne zorgis pri la aliaj kompatindaj buboj, kiuj devis ankaŭ morti.

Tio estis ebla. La viro aspektis tiom memcerta, kaj tiom afliktata, ke ni sendube senkulpigus lin, malgraŭ la rivelitaj akuzaĵoj kontraŭ li, kiam du nerefetublaj malkovroj estis sinsekve farintaj.

La unua, tabakujo plena de pistita vitro ! Lia tabakujo, trovita en kaŝita tirkesto de la skribotablo, en kiu li gardis sian monon !

Li ankoraŭ eksplikis tiun trovaĵon per proksimume akceptebla maniero, per lasta ruzaĵo de la vera nekonata kulpulo, kiam merceristo de Sankta-Marluf sin prezentis antaŭ la enketa juĝisto rakontante, ke sinjoro plurfoje aĉetis en sia magazeno kudrilojn, la kudrilojn la plej maldikajn, kiujn li povis trovi, rompante ilin por vidi ĉu ili plaĉis al li.

La merceristo, kiun oni metis en la ĉeesto de dek duo da personoj, tuj rekonis Muaron. Kaj efektive la enketo evidentigis, ke la instruisto iris al Sankta-Marluf, la indikitajn tagojn de la komercisto.

Mi ne insistas pri la teruraj infanaj depozicioj, koncerne la elekton de la frandaĵoj, kaj la zorgon por manĝigi ilin antaŭ li, kaj malaperigi la pli malgrandajn spurojn.

La publika opinio, incitegita, postulis la mortpunon, kaj altrudis sian teruran volon, kiu kuntiras iujn ajn rezistojn kaj hezitojn.

Muaro estis kondamnita al la mortpuno. Poste lia apelacio estis malakceptita. Nur restis al li peti la imperiestran pardonon. Sed mi sciis de mia patro, ke la imperiestro ne konsentos pri ĝi.

Nu, iun matenon, dum mi laboris en mia kabineto, oni anoncis al mi la viziton de la pastro de la malliberejo.

Li estis maljuna pastro, kiu havis grandan konon de la homoj, kaj grandan kutimon de la krimuloj. Li aperis emociata, ĝenata, maltrankvila. Post babilinte dum kelkaj minutoj pri diversaj aferoj, leviĝante li subite diris al mi :

– Se oni senkapigus Muaron, sinjoro la imperiestra prokuroro, vi lasus ekzekucii senkulpulon.

Poste, ne salutante, li eliris, lasante min sub la profunda impreso de tiuj paroloj. Li prononcis ilin per emocia kaj solena maniero, iomete malfermante al mi, por savi vivon, siajn fermitajn kaj sigelitajn lipojn de la sekreto de la konfeso.

Unu horo pli poste, mi forveturis al Parizo, kaj mia patro, antaŭavertita de mi, faris senprokraste aŭdiencpeton al la imperiestro.

La postan tagon ni estis akceptitaj, Lia imperiestra Moŝto laboris en malgranda salono kiam ni estis enkondukitaj. Mi prezentis la tutan aferon ĝis al la vizito de la pastro, kaj dum mi rakontis ĝin, pordo malfermiĝis malantaŭ la brakseĝo de la suvereno, kaj la imperiestrino, kiu kredis lin sola, aperis. Lia Moŝto Napoleono konsultis ŝin. Tuj kiam ŝi estis informita pri la fariĝoj, ŝi ekkriis :

– Endas pardoni al tiu viro. Endas, ĉar li estas senkulpa !

Kial tiu subita konvinko de tiel pia virino ĵetis teruran konfuzon en mian spiriton ?

Ĝis tiam mi arde deziris mildigon de la puno. Kaj subite mi sentis min kiel la ludilo, la dupo de ruza krimulo, kiu uzis la pastron kaj la konfeson kiel lastan defendorimedon.

Mi submetis miajn hezitojn al Iliaj imperiestraj Moŝtoj. La imperiestro restis hezitema, allogata de sia natura boneco, kaj detenata de la timo, ke li sin lasu spiti de indignindulo ; sed la imperiestrino, konvinkita ke la pastro obeis al dia instiga peto, ripetis : « Ne gravas ! Pli bone estas domaĝi kulpulon ol mortigi nekulpulon ! » Ŝia opinio superis. La mortpuno estis mildigita en punlaboro.

Nu mi eksciis, kelkaj jaroj poste, ke Muaro, kies ekzempla konduto en punlaborejo de Tulono, estis denove signalita al la imperiestro, kaj estis uzita kiel servisto de la direktoro de la pundoma institucio.

Kaj poste, mi ne plu aŭdis pri tiu viro dum longtempe.

Nu, estas ĉirkaŭ du jaroj, dum somere mi travivis en Lillo, en la hejmo de mia kuzo Larielo, iun vesperon, ĉe la momento altabliĝi por la vespermanĝo, oni antaŭsciigis al mi, ke juna pastro deziris paroli al mi.

Mi ordonis, ke oni enirigu lin, kaj li petegis min, ke mi venu apud mortiĝanto, kiu absolute deziris vidi min. Tio ofte okazis al mi dum mia longa magistratana kariero, kaj kvankam flankenĵetita de la Respubliko, de tempo al tempo, mi estis ankoraŭ alvokita en tiaj cirkonstancoj.

Do mi sekvis la ekleziulon, kiu suprenirigis min en malgrandan mizeran loĝejon, sub la tegmento de alta laborista loĝejo.

Tie, mi trovis, sur pajlomatraco, strangan agonianton, sidanta kun la dorso kontraŭ la muro por spiri.

Li estis speco de grimacanta skeleto, kun profundaj kaj brilantaj okuloj.

Tuj post kiam li ekvidis min, li flustris :

– Ĉu vi ne rekonas min ?

– Ne.

– Mi estas Muaro.

Mi ektremetis, kaj demandis :

– La instruisto, ĉu ?

– Jes.

– Kiel vi estas tie ?

– Tio estus tro longe por ekspliki. Tempon mi ne havas… Mi estas mortonta… oni alkondukis al mi tiun parokestron… kaj ĉar mi sciis, ke vi estis tie, mi sendis serĉi vin… Estas al vi, ke mi volas konfesdoni… ĉar vi savis al mi la vivon… antaŭe.

Tra la tolo, li premis per siaj kuntiriĝantaj manoj la pajlon de sia pajlomatraco. Kaj per raŭka, energia kaj mallaŭta voĉo li reparolis :

– Jen… mi devas al vi la veron… al vi… ĉar necesas diri ĝin al iu antaŭ forlasi la teron.

Estas mi, kiu mortigis la infanojn… ĉiujn… estas mi… pro venĝo !

Aŭskultu. Mi estis honesta viro, ege honesta… ege honesta… ege pura – adorante Dion – tiun bonan Dion – la Dio, kiun oni lernigas al ni, por ke ni amu lin, kaj ne la falsa Dio, la turmentisto, la ŝtelisto, la murdisto, kiu regas la teron. Neniam mi malbone agis, neniam mi efektivigis malbelan akton. Mi estis pura, pura kiel oni ne povas esti, sinjoro.

Kiam mi edziĝis, mi havis infanojn, kaj mi ekamis ilin, kiel neniam patro aŭ patrino amu la siajn. Mi vivis nur por ili. Mi pasie amis ilin. Ĉiuj tri mortis ! Kial ? Kial ? Kion mi faris ? Mi ribeligis, sed mi furioze ribeligis ; kaj poste subite mi malfermis la okulojn, kiel kiam oni vekiĝas ; kaj mi komprenis, ke Dio estas malica. Kial li mortigis miajn infanojn ? Mi malfermis la okulojn, kaj mi vidis ke li amas mortigi. Li amas nur tion, sinjoro. Li vivigas nur por pereigi ! Dio, sinjoro, estas masakristo. Ĉiutage necesas al li mortintoj. Li ĉiel faris mortintojn, por ke li pli bone amuziĝu. Li inventis la malsanojn, la akcidentojn, por ke li malrapide distriĝu dum monatoj kaj jaroj ; kaj poste, kiam li enuas,

estas la epidemioj, la pesto, la ĥolero, la anginoj, la variolo ; ĉu mi scias la tuton, kiun li imagis, tiu monstro ? Sed tio ne ankoraŭ sufiĉis al li, tio tro similas, ĉiuj tiuj malbonoj ! kaj tiam, de tempo al tempo, li sin regalas per militoj, por vidi ducent mil soldatojn surtere, premitajn en la sango kaj la koto, krevitajn kun la brakoj kaj la kruroj elŝiritaj, la kapojn frakasitajn per kuglegoj, kiel ovoj kiuj survojen falas.

Tio ne estas la tuto. Li faris la homojn, kiuj reciproke intermanĝas sin. Kaj poste, ĉar la homoj fariĝas pli bonaj ol li, li faris la bestojn por vidi la homojn ĉasi ilin, buĉi ilin, kaj sin nutri per ili. Tio ne estas la tuto. Li faris la tute malgrandajn animalojn, kiuj vivas unu tagon, la muŝojn kiuj miliarde krevas dum unu horo, la formikojn kiujn oni premas, kaj aliajn, tiom, tiom ke ni ne povas imagi ilin. Kaj la tuto reciproke interbuĉas sin, interĉasas sin, intervoras sin, kaj mortas senĉese. Kaj la bona Dio rigardas kaj li amuziĝas, ĉar ĉion li vidas, la plej grandajn kiel la plej malgrandajn, tiujn kiuj estas en la akveroj, kaj tiujn en la aliaj steloj. Li rigardas ilin, kaj li amuziĝas. – Kanajlo, nu !

Tiam mi, sinjoro, mi ankaŭ mortigis infanojn. Mi ludis al li malicaĵon. Ne estas li, tiu kiu havis ilin, tiujn ĉi. Ne estas li, estas mi. Kaj mi ja ankoraŭ mortigus multe aliajn; sed vi ne kaptus min. Jen !

Mi devis morti, esti gilotinita. Mi ! Kiom estus ridinta la reptilio ! Tiam mi petis pastron, kaj mi mensogis. Mi konfesdonis. Mi mensogis ; kaj mi vivis.

Nun, estas finita. Mi ne plu povas eskapi al li. Sed mi ne timas lin, sinjoro, mi tro malestimas lin.

Estis tre timiga vidi tiun indignindulon, kiu anhelis, singulte parolis, malfermante grandegan buŝon por sputi iafofe vortojn apenaŭ aŭdeblajn, kaj stertoradis, kaj elŝiris la tolon de sia pajlomatraco, kaj movetadis, sub preskaŭ nigra litkovrilo, siajn maldikajn krurojn kiel por forkuri.

Ho ! La malbelega estulo, kaj la forloga memoraĵo !

Mi demandis al li :

– Ĉu vi havas ankoraŭ ion por diri ?

– Ne, sinjoro.

Tiam, adiaŭ.

– Adiaŭ, sinjoro, ĝis unu aŭ alia tago…

Mi turnis min al la pastro, kiu, palega, starigis kontraŭ la muro sian malhelan altan silueton :

– Ĉu vi restas, sinjoro la parokestro ?

– Mi restas.

Tiam la mortiĝanto rikanis :

– Jes, jes, li sendas siajn korvojn sur la kadavrojn.

Persone, tio sufiĉis ; mi malfermis la pordon kaj mi forkuris.

*La 27an de septembro 1887*

**Henri [Henriko] Pranzini estis akuzita de triobla murdo, kiu okazis dum la nokto de la 19a al la 20a de marto 1887. Li estis kondamnita al la mortpuno kaj ekzekuciita la 31an de aŭgusto de la sama jaro.*

*Ĝuste antaŭ ol esti gilotinita, li trifoje kisis la Kriston, tiu kiu ege surprizis la observantojn.*

*Siatempo, tiu afero ĉefrolis en kroniko.*

*Elfrancigis*
**Noël Lecomte**
**(Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊